


35A IFEF-KONGRESO
INTERNACIA FERVOJISTA
ESPERANTO-FEDERACIO
04 - 10. JUNIO 1983
OSTENDO (BELGIO)



*Adreso:*
35a IFEF-kongreso
DE SUTTER Lucien,
Chemin des Pins 4,
B 1180 Bruxelles
Tel (02) 358 15 73

*Kasistino:* DE SUTTER. Ady,
Pagu al la poŝtĉekkonto
n-ro 000-0477076-30 de BEFA
p/a DE SUTTER Lucien,
Chemin des Pins 4,
B 1180 Bruxelles

---

Ĉiu pago rilate al la 35a IFEF-kongreso oni devas NEPRE ĝiri al la pĉk (poŝtĉekkonto): n-ro 000-0477076-30 de BEFA p/a DE SUTTER Lucien, Chemin des Pins 4, B-1180 Bruxelles, kaj NE al la Universala Konto kiel menciita sur la unuaj aliĝiloj.

- - - - - - - - - - - -

Provizora programo de la 35a IFEF-kongreso aspektas jene:

Sabaton 04.06:
Alveno de la kongresanoj
Kunsido LKK - IFEF-estraro
Interkona vespero

Dimanĉon 05.06:
Ekumena diservo
Solena inaŭguro
Gvidataj vizitoj en la urbo Ostendo
Komisionaj kunsidoj
Koncert- kaj folklora vespero

Lundon 06.06:
Komisionaj kunsidoj
Duontaga ekskurso A al Bruĝo
Distra vespero

Mardon 07.06
Komitatkunsido (nepublika)
Fakprelego
Duontaga ekskurso B al Zeebrugge
Libera vespero

Merkredon 08.06:
Unua plenkunsido (publika)
Kariljona koncerto
Aktualaĵoj kun diskutado
Internacia balo

Ĵaŭdon 09.06:
Dua plenkunsido (publika)
Komisionaj kunsidoj
Filmoj
Nacia fervojista orkestro

Vendredon 10.06:
Tuttaga ekskurso C tra flandriaj historiaj urboj
Solena fermo
Adiaŭa vespero

---

## 24-a I.F.E.S.

La 24-a Internacia Fervojista Esperanto Skisemajno (mallonge IFES) okazis de la 22-a ĝis la 29-a de januaro 1983a en Bayerisch-Eisenstein, en la"Bavara Arbaro", ĉe la landlimo inter la Federacio Respubliko Germanio kaj Ĉeĥoslovakio.

La skisemajnon invitis G.E.F.A. (Germana Esperanta Fervojista Asocio) kaj ĝin organizis Elfriede Kruse kaj Vitus Röder.

Partoprenis 76 gesamideanoj el 8 landoj. Ĉeestis ankaŭ la Prezidanto de I.F.E.F. Joachin Giessner.

La Itala karavaneto konsistis el nur ok personoj, kiuj kutime ĉeestas tiun ĉi aranĝon.

La programo, alloga ankaŭ por ne skiantoj kaj plenaĝuloj, inkluzivis ski- promenad- lingvokonkursojn, kaj Esperanto-kursojn por komencantoj kaj progresantoj kiujn gvidis gesinjoroj Ritterspach.

Tre interesa ekskurso al kristal- kaj likvor-fabrikoj (kun moderpreza aĉetado) kaj al la tre interesa Muzeo en Zwiesel, organizita kunlabore kun Karl Pscheidt kaj Ge-Gubbioli, plenigis pluvetan posttagmezon.

Tre gaja la "Franca Vespero" dum kiu la ĉiam agemaj francaj gejunuloj, sub la regisorado de Hilaire Happi Fosso kaj Gerard Horn, lerte aktoris, kaj prezentis filmojn kaj diapozitivojn pri niaj antaŭaj skisemajnoj kaj kongresoj.

Tre interesa la "Bavara Vespero": la kvarteto Wiesmann el Grafenaù kaj trio da lokomotivestroj el Plattling (famkonataj ĉar ili kantis antaŭ Kristnasko Bavaran Kanton en Esperanto en la Germana T.V.) kantis en Esperanto kaj en la Bavara lingvo tipajn kantojn.

Tre scivole atendita estis la premiado de la diversaj konkursoj, kiun direktis Elfriede kun la helpo de la gvidantoj la diversaj eroj de la programo, t.e.: Ritterspach, Weidacher, Lautenbach, Wiesmann Anni kaj Max.

La grandan pokalon, kiun donacis D.L.F. de Bologna, gajnis Franz Scharf el Vieno, unua inter la spertuloj de la skikonkurso (pri pordo slaloma malsupreniro).

Finiĝis, la semajno, per la karnavala vespero, kiun ĉeestis je nia granda surprizo, la Urbestro S-ro Gabriel. Li, nin alparolis Esperante kaj post elekto siaflanke, de la plej bela masko (la blanka urso: Jacques Gross el Le Mans), donacis belajn premiojn al la gajnintoj de la diversaj konkursoj kaj urba-memoraĵon al ĉiuj.

Ni forgesis paroli pri la Hotelo Waldspitze, estrata de familio Fischer, hotelo tre konforta kun propra varma naĝejo, kie volontuloj ofte sin banis. Al ĝi adaptiĝis kiel servistino dum tuta posttagmezo kaj vespero, Johano Meval, perfekte maskita kaj pli bela ol kutime en tiu ĉi rolo. Tre rapide en surtabligo nia "Margareta" ne malŝatis la trinkmonon, kiun kelkaj estimantoj donacis al ŝi.

Ĉagrenitaj, sabate matene ni disiris, kaj salutante unu la alian ni rendevuis en Maria Alm je la venonta 25-a I.F.E.S.

Ion pri Bayerisch-Eisenstein: ĝi situas sur la iama linio Plattling-Plzen kiu ĝuste tie estis interrompita post la dua mondmilito. Nun la relparoj finiĝas

antaù la barilo, la stacidomo estas trancita meze same kiel la trakoj.

Por ke vi povos ĝustatempe programi viajn vintrajn feriojn kaj aliĝi al venonta skisemajno, ni donas ĉi sube la necesajn informojn.

---

## 25-a INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-SKISEMAJNO en MARIA ALM

Hotelo Hintermoos, de la 28-a de januaro ĝis la 4-a de februaro 1984-a.

Maria Alm - Hintermoos situas en la regiono de la Stona Maro (Steinernes Meer) kaj apud de la Hochkönig (alteco de 2.941 metroj). Ĝi estas ideala skitereno por komencantoj kaj progresintoj, aù alpina, aù longdistanca skiado. Sed ankaù neskiantoj trovas bonajn eblecojn por promenadoj, glitveturadoj per ĉevaloj ktp.

Restadkostoj: Duon-Pensiono:

| | | |
|---|---|---|
| en unulita ĉambro | aù.S | 2.200 |
| en dulita ĉambro | " " | 1.950 |
| en trilita ĉambro | " " | 1.750 |

Pensiono kompleta: respektive 2.450 - 2.200 - 2.000

Duŝoj kaj banejoj en ĉiuj etaĝoj senkoste. Ĉambro kun duŝo kostas aù.S 200,-- pli po semajno. Ekzistas nur 8 unulitaj ĉambroj!

La hotelo Hintermoos estas atingebla de la stacidomo Saalfelden per aùtobusoj aù skitaksioj por 8 personoj.

Sendu la aliĝilon al: AFEF, A-1103 Wien, Postfako 117.

Kun aliĝilo sendu nepre la antaùpagon de aù.S 350,-- al la Banko: Österreichisches Credit-Institut A.G., A-1110 Wien, Simmeringer HauptstraBe 54, Konto-Nr. 116/59012. 25-a I.F.E.S. 1984.

Limdato por la aliĝilo estas la 31.12.1983.

---

## ESPERANTO - EÙROPO

Post la manifestacio de la 8-a de novembro 1982-a en Romo, la Eùropaj Asocioj: A.E.C. (Association Eùropeenne de Cheminot) kaj A.E.D.E. (Association Eùropeenne des Insegnant) kune kun IFEA, organizis alian Eùropantagon en San Benedetto Po (Mantova), la 8-an de februaro 1983-a kun la patronado de la Interparlamenta Grupo "Amici dell'Esperanto".

La kunveno nomita "Convegno Interregionale Esperantista" okazis en la teatro Manzoni de S.Benedetto Po. Kvankam la vetero ne estis favora (neĝis) kaj la trajnoj ne estis regulaj pro iu striko, partoprenis en la manifestacio cento da geesperantistoj de la apuda Mantova, (la E-grupo de Mantova organizis la manifestacion)de Verona, Modena kaj Bologna.

Prof.ro Angelo Pompeo (AEDE) traktis la temon "Scuola e Cultura per un'Europa Federata" kaj D-ro Alberto Menabene (IFEA) "Una lingua di unione per i popoli Europei".

Sekvis vigla debato kaj demandoj al la du oratoroj.

Fine oni festis S-inon Olga Paolini Cristoni (pli 80-jaraĝa loka esperantistino) kiu inter alie ebligis la okazigo de la manifestacio.

La raportantoj poste kunveniĝis la ĉeestantajnAEDE-anojn (Prof.Pompeo) kaj la IFEA-onojn

(D-ro Menabene). Tui lasta mallonga renkontiĝo estis aparte interesa por ni Bolognaj fervojistoj kiuj povis iom diskuti pri niaj naciaj organizaj problemoj kaj pri eventuala sam speca Eŭropa manifestacio en Bologna.
Dum la tagmanĝo (bonega kaj abunda) la loka Turisma Entrepreno (Pro Loco) disdonis memorajnŝildojn kaj gvidlibroj pri la arto en S.Benedetto Po.
Finiĝis la tago; posttagmeze oni vizitis, akompanataj de lertaj gvidantoj, la faman Benediktan Abatejo de "Polirone" de la XI÷ XVIII jarcentoj, kromnomita: "Montecassino de Norda Italio".

NEKROLOGIO

Nia Franca amiko Andreo Blondeaux ne plu estas inter ni. Ni publikigas ĉi sube la memoron pri li verkitan de nia amikino Germaine Lemonnier kiu dum longaj jaroj kunlaboris kun li kiel Prezidantino de F.F.E.A., Andreo Blondeaux estis "Deus ex Machina" de F.F.E.A. en la teknika kaj terminara terenoj.

ANDRE'BLONDEAUX

F.F.E.A. ĵus perdis unu el siaj plej fidelaj membroj: André Blondeaux mortis la 23-an de Decembro sekve gravan trafikan akcidenton.
Lia entombigo okazis la 27-an de Decembro en lia hejma urbeto LOCTUDY (Bretanio), kie, en 1979, li tiel zorgeme organizis la ĝeneralan kunvenon de FFEA. La Prezidanto de FFEA akompanata de pluraj membroj ĉeestis la cerimonion por adiaŭi nian amikon.
Hodiaŭ niaj tristaj pensoj iras al lia vidvino, nia amikino "de ĉiam" Lucienne, kies ĉagrenon ni volus per nia amikeco iom mildigi.
La forpaso de André Blondeaus estas grava perdo por F.F.E.A kaj ankaŭ por I.F.E.F., al kiu li tiom oferis de sia tempo, de sia ripozo, de siaj fortoj kaj sano.
Li venis al Esperanto en Novembro 1948, kiam li vizitis la 5-an Csehkurson, kiun tiam mi gvidis en la stacidomo Paris-Saint-Lazare. Lia klara inteligenteco tuj komprenis la logikecon de la lingvo; post la kurso, li sola perfektigis siajn ĵus akiritajn konojn por rapide apliki ilin sur teknika kampo, ĉar li jam antaŭvidis la necesecon de komuna lingvo por internaciaj fervojaj rilatoj. Samtempe, li tre rapide sentis la idealan celon de Esperanto, kiun verŝajne li ne estis komprenanta, kiam li eklernis ĝin. Tiu sento kondukis lin nodi ĉirkaŭ la mondo reton da amikaj kaj profesiaj ligiloj.
Okaze de la 2-a IFEF-kongreso en Salzburg, li promesis sian kunlaboron por ke rapide eldoniĝu "Fervoja Terminara Leksikono". En 1955 li prezentis ĉe la 7-a IFEF-kongreso en Zurich la tradukon en Esperanto de la "Lexique Technique ferroviaire" de la S.N.C.F. Dum la sekvintaj jaroj, li grandskale kunlaboris en la kadro de la Terminara Komisiono de IFEF pri la traduko de la "Lexique Général des termes ferroviaires" de l'U.I.C.
Ĉar en 1973, I.F.E.F ne ankoraŭ estis preta eldoni tiun tradukon, André Blondeaux proponis al FFEA starigi novan leksikonon entenontan 5'200 terminojn. Ĉi tiu aperis en aŭtuno 1978.
Li forlasis nin; restu al ni lia memoro, liaj laboroj! Al Lucienne kaj al lia tuta familio, ni esprimas nian ĉagrenon, nian profundan simpation. Ilin ni sincere kondolencas.

